n-ro 37
1999-3
februaro 2000

# Esperanto en Azio



## Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

**eldonas:** KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado), prezidanto: Puramo CHONG
adreso de KAEM: Japana Esperanto-Instituto, JP-162-0042 Tôkyô-to, Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japanio / tel.: +81-3-3203-4581, fakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOI Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236-0017 Japanio / tel. kaj fakso: +81-45-785-5458 / PFH02512@nifty.ne.jp

### enhavo

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi kaj sendi informojn*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 2001.*

Prezidanto/ respondecas pri Projekto A: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571. retpoŝto:puramo@chollian.net

Vicprezidanto/ respondecas pri Projekto B: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569-0046 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773. retpoŝto: takeuti@nov.email.ne.jp

BAK Hua-gong/ respondecas pri Projekto D/ 116-201 UBang APQ. Jong-Hung-Dung, Buk-Gu, Po-Hang, Kjong-Buk, Koreio. tel.: +82-562-248-2344. fakso: +82-562-274-2403. retpoŝto: bagurso@unitel.co.kr

SYÔZI Keiko/ respondecas pri Projekto C/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116-0013 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040. retpoŝto: syozik@qa2.so-net.ne.jp

WANG Jianbing/ respondecas pri Projekto D/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: cel@china-report.com

YU Tao/ respondecas pri Projekto D/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: epc@china-report.com

## 1 *Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

Por la jaro 2000 ĉiu kandidato bonvolu skribi jenojn klare legeble. Ne skribu pli ol du paĝojn, kaj pri aliaj aferoj aparte turnu vin al koncernatoj, mi petas. Se vi jam sendis leteron pri tio por la jaro 2000, ne necesas fari denove.

1) Konciza sinprezento

2) Kiel mi aktivis por nia movado en 1999.

3) Kiel mi kontribuos por la movado en mia regiono.

Limdato: la 15a de marto 2000

SYÔZI Keiko (s-ino): ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162-0042 Japanio

## 2 *La 2a Azia Kongreso de Esperanto en Hanojo*

### 2.1 *Raportoj de landaj Asocioj*

***en la kunsido de KAEM kun reprezentantoj de Landaj Asocioj***

***(08-22, 15:30~16:35)***

#### 2.1.1 *Ĉina Esperanto-Ligo:*

Ĵus finiĝis la 4a Ĉina Kongreso de Esperanto en Guilin. Nun funkcias Esperanto-asocioj en 28 provincoj kaj urboj, kaj ĈEL havas pli ol 1000 membrojn. Ĝi havas ankaŭ fakajn asociojn de fervojistoj, junuloj, medicinistoj, filatelistoj kaj amantoj de vejĉio (goo). Kaj en diversaj sociaj kampoj aktivas esperantistoj. Por pli efika informado iuj pretigis sian retpaĝon, kiu nun estas multe vizitata. En komerca kampo esperantistoj havas certagrade sukcesan kontakton al eksterlandanoj per Esperanto. En universitatoj kaj lernejoj funkcias nedevigaj Esperantaj kursoj. Glate iras laboro de ĈEL dank' al la helpoj de la redakcio de EPĈ kaj Ĉina Esperanta Eldonejo, kvankam la Ligo havas nur 2 plentempajn oficistojn. Ĉina esperantistaro koncentris sian forton por la sukceso de la 1a Azia Kongreso en 1996 en Ŝanhajo. Ĉina Junulara Esperanto-Asocio okazigis la 17an Komunan Seminarion. La plano de ĈEL por la 21a jarcento estas inviti UK-on en Ĉinio probable en la jaroj 2004 aŭ 2006.

*raportis* YU Tao

#### 2.1.2 *Japana Esperanto-Instituto:*

JEI havas 1400 membrojn kaj estraran mandaton por du jaroj, kiu iĝis valida en la lasta aprilo. En tiu dujara mandato JEI havas tri ĉefajn celojn: unue fortigi sian socian bazon, due subteni la movadon en aziaj landoj kaj trie komenci plani por la jaro 2006, la centjara jubileo de la organizita Esperanto-movado en Japanio. Lastatempe ret-paĝo de JEI grandiĝis tiel ke ĝi havas liston de 1200 titoloj de vendataj libroj kaj la liston de 2600 libroj en la biblioteko. Oni do povas mendi la librojn interrete. JEI publikigis reklamojn

"Azien Somere" kaj "Azien Aŭtune". Al KS-18 ĵus okazinta en Japanio alvenis 30 personoj t.e. 1 el Honkongo, 6 el Koreio, 20 el Japanio kaj 3 el aliaj landoj. En iu municipa altlernejo por 15- ĝis 18-jaruloj Esperanto estas instruata kiel oficiala kurso de la kompetenta instruistino KITAGAWA Ikuko.

*raportis SIBAYAMA Zyun'iti*

### *2.1.3 Korea Esperanto-Asocio:*

Iom pliviglîĝis la movado en Koreio post la elektiĝo de LEE Chongyeon kiel estro de KEA en aŭgusto lastjare. Komence de ĉi tiu jaro KEA okazigis eventon por la 50-jara datreveno de Deklaracio de Homaj Rajtoj de UN, kaj invitis kelkajn eminentulojn, kiuj prelegis pri la lingvoj kaj homaj rajtoj. La evento estis prezentita per televizia elsendo tra la tuta lando. En la agado de KEA prioritaton havas edukado de esperantistoj kaj disvastigo de la internacia lingvo pere de Esperantaj kursoj. Okazis tutlandaj kunloĝadoj kaj kursoj trifoje en februaro, majo kaj julio. En Koreio estas universitato, kie studentoj lernas Esperanton kiel fakan objekton. Estas mirinde ke tie aliĝis al la kurso pli ol 600 studentoj. Okaze de la Tago de Instruistoj en Koreio, t.e. la 15an de majo KEA iniciatis la tagon de pioniroj kaj prezidanto Lee elektis DAN Tirinaron kiel la unuan pioniron de korea Esperanto-movado. Eldono de lia poemaro estis tiel sukcesa ke KEA planas baldaŭ eldoni ankaŭ la tutan kolekton de liaj poemoj. Efektiviĝos la eldono de Korea Antologio en la venonta oktobro okaze de la korea kongreso. Ankaŭ okazos la konferenco de NRO en oktobro kaj KEA aranĝos seminarion pri la lingvaj problemoj. Menciindas la komenciĝo de interreta radio-elsendo fare de MA Yongtae en junio.

*raportis LEE Gongse*

### *2.1.4 Vjetnama Esperanto-Asocio:*

Por vjetnama esperantistaro granda evento estis la okazigo de la Tutlanda Kongreso en decembro de 1998, ĉar pasis 42 jaroj post la fondiĝo de la Asocio en 1956 ĝis la Kongreso. Estas multaj kialoj. La unua estas milito post milito. Kelkaj tiel argumentis, dume aliaj kontraŭis, ĉar eĉ post la finiĝo de la milito en 1975 oni bezonis 23 jarojn por organizi la Kongreson. Sed ĝojinda estas la okazigo de la Kongreso, ĉar tie unuiĝis la forto de la tuta esperantistaro de Vjetnamio de sudo ĝis nordo. Post la milito iom post iom vigliĝis la movado. Establiĝis Esperanta klubo en Laborista Kultura Domo en Ho-Chi-Minh-Urbo, kiu ankaŭ nun havas sian regulan kunsidon ĉiudimanĉe kaj formas kernon de la Esperanto-Asocio de la urbo. En Vjetnamio troviĝas ĉ. 200 esperantistoj. Same kiel en t. n. malriĉaj landoj, vjetnamaj junuloj devas lerni la anglan lingvon, kaj la movadon tenas nejunaj kaj eĉ maljunaj esperantistoj. Sed post la Unua Azia Kongreso al la junuloj revenis entuziasmo lerni Esperanton en grupo. Oni esperas ke tiun tendencon akcelos la sukceso de la Dua Azia Kongreso.

*LE Nhiem*

### *2.1.5 Honkongo:*

Kompare kun tiuj en Japanio kaj Koreio, la movado en Honkongo estas malforta kun mallonga historio. Sed antaŭ kvin jaroj la asocio estis fondita kaj komenciĝis organizita movado. Nun en Honkongo pli ol 100 personoj havas intereson al Esperanto. Okazas kunsido regule vespere en ĉiu dua lundo. Atendata estas bona gvido de KAEM al esperantistoj en Honkongo, kiuj aktivas en la novaj cirkonstancoj post la reveno al Ĉinio.

*raportis Eruda LI*

## 2.2 aliaj raportoj de la kongreso (daŭrigo de n-ro 36)

### 2.2.1 Paca arbo kreskas sur Paca tero

La 24an de aŭgusto, sub varmaj sunradioj glitis 3 grandaj aŭtobusoj sur la glata vojo al Parko Lenine.

La kongresanoj kolektiĝis por ĉeesti en la Festo de Plantado de arbo. S-roj Kep ENDERBY, Puramo CHONG, TAKETUTI Yosikazu kaj aliaj ĵetis ŝovelplenon da tero al la verda banjano, kiu reprezentas Pacon, Amikecon kaj Solidarecon.

La urbo Hanojo jam indas ricevi la titolon "Paca Urbo". Nun, la Paca Arbo kreskas sur Paca Tero.

Estis la unua fojo, ke en Esperantaj Kongresoj organiziĝis Festo de Plantado de Arbo, laŭkutime de Onklo HO Chi Minh, kiu volis "Planti arbojn estas krei arbaron." Estis la genia iniciativo de LKK-Prezidanto VU Xuan Hong.

*Feniksa/ 09-23a Duang Tran Con, Q1- Ho Chi Minh Urbo, Vjetnamio*

### 2.2.2 raporto kaj impreso de YAMASAKI Seikô

Ĉi tiu raporto, memkompreneble, ne estas oficiala, kia estos publikigita de LKK aŭ la Komisiono por Azia Movado (KAEM), sed pure privata: komentarioj en ĝi havas nenion por fari kun la politiko de iu ajn instanco. Pri la lasta, la unua azia kongreso mi raportis siatempe laŭ la peto de Edvige Tantin-ACKERMANN, kiu aperigis ĝin sen cenzuro ne, kiel ŝi origine intencis, en la organo de la itala landa asocio sed en La *Eta Gazeto*, el kiu Istvan ERTL redaktis artikolon por la UEA-revuo. Tiu ĉi do estas nepetita raporto flanke de s-ro Ertl, sed mi estus ĝoja, se li utiligus ĝin por fari el ĝi seninhibician prognozon pri la azia movado fare de sursceneja ĉeestanto. Al mi faros favoron ankaŭ se s-ino DOI Ĉieko aperigos ĝin tutan en la *Esperanto en Azio*, kiel ŝi faris la lastan fojon, tiom pli ke ŝi mendis al mi tian. Ĝi entenas kritikojn, sed organizo konscia pri sia forto povas sola sin kritiki antaŭ la malamikoj, kiel diris Friedrich ENGELS, kvankam la neesperantista publiko estas por ni ne malamiko sed fonto de niaj rekrutoj.

#### 2.2.2.1 Resume

Oni povus konkludi ke tiu ĉi kongreso estis granda sukceso en tio ke ĝi stimulos la progreson de la movado en Vjetnamio. Sole en ĝi estas ties signifo. Ĝi ne profitis al partoprenantoj, kiuj ĉi tien venis por instigi vjetnamojn, forgesinte sian komforton; ĝi ne

fortikigis la movadon en aliaj partoj de Azio nek la ĉeeston de UEA en Azio; diskutoj en ĝi estis malaltaj en nivelo sen nenia kontribuo al la esperantista kulturo.

Mi estis malkontenta kiam en la unua azia kongreso KAEM decidis favore al Vjetnamio pri la kongreslando. La konkuranto, Bharato, sendis Ranganayakulu, kiu elokvente kaj logike pledis por sia lando. Kompare kun ĝi, Vjetnamio malmergiĝis abrupte - almenaŭ al mi tiel sentiĝis -. Ĝi ankoraŭ eĉ ne ricevis oficialan agnoskon de la registaro, kiu estas nemalhavebla sub aŭtokrataj reĝimoj. La vjetnama delegacio promesis akiri ĝin, sed ekzistis nenia garantio. Krome, la granda vjetnama delagacio inkluzivis homojn nesciantajn nian lingvon. Dum la postkongreso, ili estis ŝajne malmulte interesataj pri vizitoj de historiaj lokoj, vere mirindaj, sed ekskluzive pri butikumado, kaj ho kiom riĉaj ili estis, kompare kun ni ĝemantaj en paŭperismo! Mi nun post festumo gratulas la decidon. La vjetnamoj pruvis sin kompetentaj ekster mia atendo kaj tiu de multaj aliaj. Post fakto mi pensas ke tiuj neesperantistaj membroj de la delegacio estis necesaj por bonaj rilatoj kun la registaro. Eĉ ne unu hindo venis al Hanojo. Tiu fluso kaj malfluso de movado en Hindio, ne nur sed ĝenerale ankaŭ en aliaj landoj, nin senesperigas.

KAEM ne decidis pri la tria kongreso. Iu mencias Koreion. Mi estas kontraŭ. Koreio estas granda potenco en la movado kun firma fundamento. Ĝi ne bezonas azian kongreson. Oni devas elekti neevoluintan landon. Ĝuste tio estas la celo de azia kongreso.

*2.2.2.2 Komparo kun Ŝanhajo*

La hanoja kongreso atestas pri la antaŭenpaŝo de la azia movado. En la unua en Ŝanhajo, en la malferma soleno oni ne povis aŭdi paroladojn el la podio pro la inferna bruo de la aŭdantaro. Mi ne troigas, fizike oni ne povis aŭdi. La ĉeestantoj ne donis la orelon al la parolanto ĉar ili ne povis kompreni la esperantan lingvon, kaj babilis krokodile laŭtvoĉe, salutante unu al alia staranta dek metrojn distance kvazaŭ nenio okazadus en la halo.

En Hanojo oni povis aŭdi paroladojn. La ĉeestantoj ĝentile kondutis. Nur ĉirkaŭ la fino de la ceremonio, rumoroj rezultantaj el kolektivaj flustroj iom ĝenis. Mi donis al tiumomenta prezidanto, TAKEUTI Yosikazu, karteton sur kiu skribiĝis "SILENTIGU BABILADON", je kiu li kapjesis kaj murmuris ion al HOANG Ngoc Boi, kiu diris ion mallonge tra la mikrofono en la vjetnama, kaj tuj la aŭditorio regajnis kvieton. (En la vietnama, la familia nomo antaŭas la individuan, kaj oni ĝenerale alvokas per la lasta silabo de la individua, mi do nomos lin Boi ĉi-poste, pri kiu mi havos okazon paroli poste.)

*2.2.2.3 Eŭropanoj*

Unu el la okulfrapaj en tiu ĉi kongreso estas la multeco de eŭropaj, aŭ blankulaj, partoprenantoj. La maldegno de eŭropanoj vid-al-vide de neeŭropaj eventoj estas vaste konata, kiel atestite de skandale malmultaj ĉeestantoj en neeŭropaj UKoj. Kontraŭe, ilia

ĉeesto en tiu ĉi kongreso kuraĝigis nin azianojn. S-ino Tantin-ACKERMANN diris ke al ŝi estis tro laciga iri al du kongresoj kun intervalo de du semajnoj; ŝi do venis al Hanojo, rezignante pri Berlino. Tio afekciis. La prezidanto de UEA mem estis tie, sed li ne venis ĉar li estas en tiu posteno. Li venis al Ŝanhajo, kiel simpla esperantisto, kvankam certe komitatano A por Aŭstralio.

*2.2.2.4 Transiro de tempo*

S-ro Enderby oratoris, interalie, ke li estas "modeste fiera" pri tio ke li, kiel juna advokato kaj ministro en laborist-partia kabineto, sukcesis savi, per la registara politik-ŝanĝo direkte al neinterveno, for de la sorto morti tiun junulon malantaŭ si sur la estrado nun sidanta atendante sian vicon por saluti por Aŭstralio kaj multajn aliajn, minacatajn tiam per konskripcio por la milito kontraŭ Vjetnamio. Tio pensigis pri la kurso de la Historio de post la Hamburgo, kiam oni atakis UEA kiel marioneton de la soveta bloko. Nia prezidanto eĉ diris ke socialismo estas tabua vorto en la okcidento sed ne tia en tiu ĉi lando nek en la sia, ke ankaŭ la bonan vorton kamarado, li ne hezitas uzi.

*2.2.2.5 La ŝtato*

Mirigis ke la vjetnama movado ĝuas fortan subtenon de la registaro. Unu fakto sufiĉus kiel pruvo: salutis persone la vicprezidanto de la ŝtato, kaj ŝi daŭre sidis ĝis la fino de la soleno. Tio tamen havas nedezirindan reverson: oni devas tre atente nutri la favoron de la instancoj. Ekzemple, en la programero por memorigi personojn kontribuintajn al la amikeco kun la vjetnama popolo, oni transdonis grandformatajn ŝildojn kaj aliajn memoraĵojn, tio mem estas bona, kvankam iom tro parada, sed ricevis ilin nur eminentuloj, ekz. membroj de KAEM, kiuj sendube plene meritas tion; la sennomaj en la komuna senco tamen ne ricevis ilin krom JUI Ĉuunoŝin, kiu sin bruligis proteste al la vjetnama politiko de Usono, kaj alia hispano, kies honorigon ricevis por li Josep FRANQUESA el Katalunio. Oni diris ke KUMAKI Hideo, kiu sin dediĉis por la amikeco kun la vjetnama popolo dum longa tempo, estos honorigita kaj invitota paroli, sed tio ne realiĝis. Li varbis monon private en la kongresejo kaj donacis ĉirkaŭ dudek ekzemplerojn de la nova ampleksa esperanta-vjetnama vortaro. Tiuj faktoj ne estis menciitaj. Nek la Japana Porpaca Esperantista Asocio de KURITA Kimiaki. Tio tamen estas neevitebla, kaj la koncernatoj jam konscias pri tio kion mi ĵus skribis. Tiuj sennomaj soldatoj agis laŭ sia konscienco, atendante nenian aprecon. Oni tamen aliflanke devas zorgi por teni la movadon netuŝebla de la fluktuo de politikaj tendencoj. Sufiĉus citi ekzemplojn en la ekssocialismaj landoj, kies ŝtatsubvenciata ŝajne fortika movada strukturo senspure malaperis.

Koncerne tion, al mi ŝajnas ke la vjetnama movado havas iugradan imunecon: mia juna kolego en la estraro de la japana landa asocio, INUMARU Fumio, kaj mi vizitis unu el la oficejoj de la Vjetnama Esperanto-Asocio, unuafoje elirinte en la urbon post la

karcerigo en la kongresejo dum la tuta semajno, katenite per laboroj. Ni informiĝis pri multo el herboradikaj movadanoj. Laŭ ili, troviĝas nenia subvencio de la registaro krom la senpaga uzo de la konstruaĵo por oficejo kaj kursoj. Elspezo ne estas multa ĉar instruantoj instruas senpage. Ĉiuj laboroj estas volontulaj. Tial la membrokotizo povas esti malalta. Ni parolis kun juna kaj maljuna virinoj, la juna estas instruisto de la angla ĉe mezlernejo kaj parolas sufiĉe bonan esperanton, kompreneble ne fluan, kaj la maljuna estas unu el la kulturitaj elitoj de la kolonia epoko, kaj parolis elegantan francan; fakte ŝi ricevis sian bakalaŭrecon en Francio. Ŝi instruis kanti al la blinduloj kiuj ĥoris en la internacia vespero kanzonojn "Fre`re Jacques" kaj "Muss i' denn", tradukitajn de ŝi en esperanton. Tio estis unu el la plej kortuŝaj momentoj tra la kongreso.

### 2.2.2.6 Indiĝenaj esperantistoj

Ŝajnas ke vjetnamaj esperantistoj dividiĝas en du kategoriojn: unuflanke, maljunaj kaj junaj, kaj aliflanke, mezaĝaj. La unua parolas esperanton tolereble bone, precipe maljunaj kun la kono de la franca, certe kun diversaj lertecoj. Estas penige aŭskulti la duan kun forta akcento ofte nekomprenebla. La fonetiko de la vjetnama estas tiel heterogena de la eŭropaj idiomoj. Same estas tamen pri la ĉina dum abundas bonaj parolantoj en Ĉinio. Estas nature: ili simple ne havis tempon por lerni. La intercivitana milito restigas ankaŭ ĉi tie vestiĝon de lezo. La tri ĉiĉeronoj por nia postkongresa vojaĝo, NGUYEN Van Dien (m.), NGUYEN Phuong Mai (f.), kaj LAI Thi Hai Ly (f.) apartenas al la unua kategorio, el kiuj Dien estas de maljuna generacio, kaj ĉiuj ricevis stipendion sub la projekto C de KAEM, por aligi aziajn aktivulojn al UEA. La varbintoj povas trankviliĝi: ilia mono estas efike elspezata.

Efektive, sin trovas, krom kaŝitaj talentoj, nur unu parolantoj de nia lingvo sur la internacia nivelo: s-ro Boi. Okaze de la festenoj fare de la vicurbestro de Hanojo kaj de la vicĉefministro, samtempe ministro pri Eksterlandaj rilatoj, li ne disponis pri tempo manĝi, senripoze interpretante, brile, kaj iu, ne povante sin deteni helpi lin, anstataŭis lin, sed tiu ĉi devis rezigni pri la tasko, neebligante denove s-ron Boi manĝi. Onidire, li lernis esperanton en Moskvo, kien lin, profesie elektran inĝenieron, sendis la registaro por la postmilita rekonstruado, jam vidinte la totalan konkeron en la malproksima estonteco, kiam en la Pentagono tiu spirito de geometro, kio estas Robert MCNAMARA, konvinkiĝis el sia matematika analizo ke la venko estas sur sia flanko. Mi hazarde aŭdis lin paroli la rusan kun siaj ekskolegoj de moskvaj tagoj.

### 2.2.2.7 Manko de afereco

La partoprenantoj gustumis la neorganizitecon de la kongreso jam ĉe la akceptejo. Sin trovis nur unu giĉeto, ne dividite laŭ numergrupoj kiel ĉe UK, al kiu oni svarmis. La vico dependas de hazardo, unu ricevis la kongresan sakon en minuto, aliaj devis atendi horon. Ne ekzistis ia ajn sistemo en la kontrolo kun la nomlisto

Jam en la preparo en antaŭaj jaroj ekzistis tiu manko de minimuma afereco laŭ tio kion mi aŭdis de TAKEUTI Yosikazu, siatempa KAEM-prezidanto, kiu plej detale instruis la LKK kiel plenumi taskojn, kiel oni librotenas, kiel oni redaktas nomlistojn, kaj finfine li devis admoni ke estas ili kiu organizas kaj ne li, komisiito de UEA. Koncerne tion, oni retroiris de la stadio de la ŝanhaja.

Kunsidoj neniam komenciĝis akurate. Oni dirus ke en Azio estas azia kulturo, kaj plendi ĝin estas aroganteco de la eŭropanoj; la azia movado tamen neniam antaŭenros sen neniigi la azian barbarecon, tiun inerton de historio.

En la tria tago, lundon la 23an de aŭgusto, de 8h40 ĝis 10h, estis programita okazi kunsido pri kongresaj subtemoj: "Internacia lingvo Esperanto en internadciaj rilatoj en Azio". Mi atendis la malfermon en la salono. Kelkajn minutojn antaŭ la komenco de la kunsido, Puramo CHONG, la prezidanto de KAEM, kun D-ro LEE Chong Yeong, petis min prezidi, dirante ke s-ino Tan de Pekino, prezidonta tiun kunsidon, ne povis partopreni, - kio estis jam longe antaŭe konata, mi miris - , ke prelegos iu (la temo ne estis listigita en la kongreslibro) kaj ke mi ne devas multon fari. Mi akceptis. Je 9h00 neniu preleganto aperis. Dek minutojn poste mi ne povis ne fari ion, kaj sidinte sur la katedron, deklaris la malfermon, nomumis protokolisto s-inon Doi, redaktoron de la *Esperanto en Azio*, kaj petis la ĉeestantojn proponi kion ni diskutu. Sen ia ajn preparo, la kunsido komenciĝis improviziste. Proponita estis la propedeŭtika valoro de esperanto fare de la japana reprezentanto, SIBAYAMA Zyun'iti. Boi levis manon kaj diris ke Vjetnamio ne estas sur tia stadio por eltiri profiton el propedeŭtiko, kie oni parolas nur la nacian lingvon, ke mankas teĥnikaj literaturoj, kaj esperantaj kaj anglaj, ke oni devas iri la vojon ne de aŭ-aŭ sed de kaj-kaj. Grava estas la posedo de strukturo de la lingvo kaj de la gramatiko ĝenerale.

Komence estis preskaŭ neniu kiu levas manon, kaj regis silento en la salono. Iom post iom vigliĝis elparoloj, kaj mi devis vicigi la parolantojn. Kiam jam iel tiel glate komencas marŝi la diskutado, iuj subite komencas paroli pri senrilata subjekto. Malgraŭ tio, la diskuto estis pli altnivela ol en Ŝanhajo, kie multaj legis preparitan manuskripton senrilatan kun la temo kaj ne ĉesis kiam la prezidanto admonis lin pri la maltaŭgeco de lia parolo ĉar li ne komprenis kion la aliaj diras. Milde ridetante al la prezidanto, ili diris jes, kaj rekomencis legi. Certe okazis similaĵoj en Hanojo, iu postulis mikrofonon kaj parolis abstraktaĵon, kaj jen li menciis la dekses regulojn! Unu el la ĉinaj reprezentantoj ekstaris kaj forlasis la salonon. Mi pacience atendis la averton de la prezidanto.

Post la fino de la diskutado, iu atentigis min ke la preleganto plendas ke li ne povis prelegi. Tio mirigis min. Kiam li envenis en la salonon? Kie li estis kiam ni baraktis por elekti temojn? Finfine oni decidis cedi al li katedron en la sekva periodo, de 10h15 ĝis 11h35. La unua kunsido finiĝis je 10h15, kaj la sekva komenciĝas je 10h15, sen ia ajn interakto, tiel diris la kongreslibro. Tio ankaŭ surprizis. Jam estas kelkajn minutojn post 10h15. La nova prezidanto surpaŝis sur la podion, kaj deklaris ke oni diskutos la vojaĝon.

Mi demandis kie estas la preleganto kiu insistis prelegi en tiu horzono. La prezidanto ne sciis kie li estas. Mi plie demandis ke la originala temo de tiu kunsido estas disvastigo de esperanto, precipe inter junularo, se kredi la kongreslibron, kaj ke vojaĝo estas senrilata kun tiu temo. Ktp ktp. Kompleta kaoso. Oni nur gapis.

Konsidere de tio, mi proponis en alia kunsido por dialogo inter KAEM kaj landaj asocioj ke oni fortigu la kompetenton de KAEM por ke tiu ĉi povu interveni eĉ defie al la malemo de LKK kaj ke por tio necesas KKS kun buĝeto, al kio KAEM respondis ke la ses membroj de KAEM estas ĉiu KKS.

*2.2.2.8 Fakkunsidoj*

Mi mendis du salonojn por la fakkunsidoj de SAT kaj de IKEF monatojn antaŭe, al kiu mi neniam ricevis konfirmon malgraŭ atentigo per fakso. Mi rezignis pri ili, kiam kelkajn tagojn antaŭ la forveturo al Hanojo nia landa asocio ricevis provizoran programon, per kiu mi eksciis ke du salonoj estis asignitaj al mi. Ili faris kion ili devis fari, kaj ne konfirmis probable pro la alta poŝtkosto. Tio estas la vjetnama maniero. Tiu problemo de poŝtkosto estis diskutata en la kunsido kiun mi prezidis; mi klarigis la konsilon de UEA ke oni enfermu en koverton ipk, al kio atentigis s-ino TAHIRA Masako, ĉefdelegito por Japanio, ke ipk ne estas ĉiam validaj laŭ la lando kaj ke oni pli bone aĉetu vjetnamajn poŝtmarkojn pogrande kaj enfermu ilin kun leteroj. Malmultajn minutojn post la fino de tiu sesio, ŝi jam aĉetis poŝtmarkojn kaj donacis ilin al la vjetnama flanko. Tiu ĉi rapida kaj konkreta - forĵetu abstraktaĵojn! - agmaniero japana fierigis min.

SAT: Prezidis mi kaj protokolis Bernardo HEINZ, kiun mi konatiĝis en la lasta kongreso en Karlovy Vary unu semajnon antaŭ Berlino.

Ĉeestis 29, el kiuj almenaŭ 7 estis SATanoj, kaj 18 vjetnamoj, la plejparto el kiuj verŝajne aŭdis pri SAT por la unua fojo. La sesio estis ĝenerale tiu de respondoj al demandoj por nesciantoj, sed viglaj diskutoj ne mankis, ekz. ĉu la horzona sistemo validas dum la mondo estas organizata laŭ ŝtatoj, kial la plenumkomitato konsistas nur el parizaoj ktp. IE Harumi el Japanio asertis ke SAT estas plej proksima al Zamenhof. Wilhelm SCHMID, eksfunkciulo ĉe la CO de UEA kaj germano loĝanta en Japanio, diris ke antaŭe la milito estis la plej granda plago de la homaro sed nun la naciismo estas tio. Franciska TOUBALE prezentis temon pri la vortigo de la statuto, ekz. pri tio ĉu ankoraŭ validas la koncepto de klasbatalo, sed mankis tempo por disvolvi tiun ĉi temon. Estis ŝi kaj kamarado Heinz kiuj raportis pri diskutoj en Karlovy Vary kaj eksplikis la aferon Billy WALDON. Ŝi ankaŭ diris ke estas diferencoj de opinioj inter la SATanoj, sed se mankas tiuj diferencoj, aliĝo al SAT estas sensenca, ĉar oni ne progresas, vivante inter samopinianoj. SAIKI Akira el Japanio disdonis aliĝilojn de la Amikeca Reto.

Tiu ĉi fakkunsido kadre de azia kongreso havas specialan kunnotadon, ĉar estis la impreso ĉe la sama fakkunsido en Ŝanhajo kiu decidigis min iniciati saman fakkunsidon

sine de UK, kio realiĝis por la unua fojo en la historio de esperanto en Adelajdo. En tiu ŝanhaja kunsido ĉeestis Kep ENDERBY kaj Atilio Orellana ROJAS sub la prezido de TANI Hiroyuki, SAT-peranto en Japanio kaj lingvisto. S-ro Enderby pardonpetis pro nepovo partopreni en tiu en Hanojo pro oficialaj devoj - eksteraj rilatoj kun instancoj - , nek kamaradoj Orellana kaj Tani.

**IKEF**: Okazis la 24an de aŭgusto, 14h-15h20. Ĉeestis 9 personoj. Prezidis Yamasaki. Je la difinita horo neniu aperis. Poste venis 2 IKEF-membroj: OHBA Atsuo, profesoro pri entreprena administrado, kaj Josep FRANQUESA, komitatano de UEA el Hispanio, aŭ pli precize el Katalunio. Tri ne konsistigas konferencon, kaj ni babiladis. Iom poste envenis vjetnamaj junuloj kaj junulinoj. Kiam ni petis ilin enskribi siajn nomon kaj kongresnumeron, ili respondis ke ili estas "helpantoj" kaj ne havas KN.

Montriĝis ke ili estas studentoj kaj "helpis", ne aliĝinte kiel plenaj partoprenantoj, kaj ĉar ili ekhavis iom da intervalo inter laboro kaj ĉar ili estas interesataj pri ekonomio kaj administrado, ili volis ĉeesti. La kunsido fariĝis sesio de informado pri IKEF. Ni klarigis pri nia organizo kaj la stato de uzo de esperanto en komerco.

Ni eksplikis plie kiel parton de niaj taskoj terminaran laboron, kaj la sesio ŝanĝiĝis en universitatan seminarion pri ekonomiko; ni tri alterne "prelegis" ke jara produkta agado rezultas en varojn kaj servojn ktp ktp.

Ni ne pensis ke nia kunsido fiaskis. Ili diris ke ili estas studentoj de la universitato de Hanojo, verŝajne unu el la elitaj lernejoj, kaj fervore demandis nin pri diversaj temoj. La junuloj estas nia espero, ĉie, kaj tiel estas ankaŭ ili. Tiu ĉi lando estas ankoraŭ malriĉa, sed ili klopodos fari el ĝi riĉan landon. Mi intencas sendi al ili studmaterialojn. Ni tri estis kontentaj ke ni kontribuis en modesta maniero al la progreso ĝenerale kaj por esperanto speciale.

*2.2.2.9 Japanoj*

La flugilhavaj vortoj de la bedaŭrata SAKAMOTO Syôzi, iama direktoro ĉe la oficejo de la Kansaja Ligo de Esperantaj Grupoj (KLEG), jam estas familiaraj inter la japanaj movadanoj: La koridoroj de kongresejo estas plenaj de japanoj, multe pli malmultaj estas japanoj en salonoj de kunsidoj, apenaŭ neniu japano stariĝas por paroli en kunsidoj. Tio ekzakte sin reproduktis en la hanoja kongresejo. La plimulto de la japanoj ĉefe turismis kaj butikumis, ĉiam krokodilante, kun nenia intereso pri la seriozaj diskutoj en salonoj. Mi ne estas bigoto kaj pensas ke tiaĵo atestas pri multfaceteco de Esperantio, sed eĉ al mi ŝajnas ke progreso estas tro malrapida. Denove ili renovigis la rekordon, nombrante ĉirkaŭ 160 inter la 420 partoprenantoj el 16 landoj, el kiuj 231 estis fremdlandanoj, la japanoj do egalas al enlandaj ĉeestantoj, ĉar 30 el la enlandanoj estis raportistoj el la gazetaro, kalkulu plie personojn registaraj instancoj, kiuj ne parolas esperanton. Mi demandis al mi ĉu la japanoj diferencas de tiuj funkciuloj: plenaj de simpatio al la zamenhofa spirito sed

ne sciantaj sin esprimi en lia lingvo. YAMASAKI Seikô (syama@dokkyo.ac.jp)

## 3 Okazis

### 3.1 La 18a Komuna Seminario

tempo: 1999-07-29~08-01

temo: "Interfluo de nuntempaj kulturoj inter tri landoj"

loko: Junulara Domo en Wanihama ĉe la lago Biwa en Japanio

La Komuna Seminario estis antaŭe seminario de dulandaj junaj esperantistoj: Koreio kaj Japanio. Sed en la jaro 1995 al la seminario aliĝis ankaŭ ĉinaj genjunuloj. Poste ĝi okazas en tri landoj laŭvice. Ĉi-jare la seminario havis sian lokon en Japanio.

En la seminario parotoprenis 30 esperantistoj el 6 landoj. El Ĉinio (el Honkongo) venis nur unu, kaj aliaj ne povis veni pro viza problemo. 6 el Koreio, 1 el Aŭstralio, 1 el Argentio, 1 el Irano kaj aliaj estis japanoj.

### 3.2 La 2a Nordorienta Ĉina Kongreso de Esperanto

tempo: 1999-08-06~08

loko: Qianshan-Montaro

temo: Esperanto kaj Kunlaboro Trans Areoj"

organizis Liaoning-provinca Espernto-Asocio (LEA)

Partoprenis en ĝi 47 esperantistoj el provincoj Heilongjian, Jilin, Liaoning, Interna Mongolio kaj ankaŭ el Pekino.

La kongreso estis sukcesa je jenaj flankoj: 1) Delegito sendita de Esperanta organizaĵo de Interna Mongolio kompletigs la regionan kongreson; 2) La kongreso allogis multajn novajn kaj junajn esperantistojn; 3) Traktitaj temoj kaj materialoj estis pli vastaj kaj praktikaj: ne nur lernado kaj instruado de Esperanto sed ankaŭ apliko de Esperanto en komerco, turismo kaj aliaj. 4) LEA prezentis unuaktan dramon "Eksperimentoj" sub la gvido de s-ro LI Shijun laŭ vera historio de esperantistoj depost fondiĝo de nova Ĉinio.

La 3a kongreso okazos en la provinco Jilin.

### 3.3 La 4a Ĉina Kongreso de Esperanto

tempo: 1999-08-16~19

loko: Guilin

La kongresa urbo estis ŝanĝita tuj antaŭ la kongreso, de Pingxiang al Guilin. Ĉ. 150 delegitoj ĉeestis en la kongreso. Tri alilandanoj el Aŭstralio, Argentino kaj Francio partoprenis en ĝi.

En la kongreso Ĉina Esperanto-Ligo premiigis du esperantistojn kaj unu Esperanto-Asocion: MAO Zifa honore ricevis la premion de literaturo, kaj LIU Xiaojun, vicprofesoro

de Shandong Universitato, honore ricevis la premion de Instruado de Esperaanto. Esperanto-Asocio de Hubei-Provinco ricevis la premion de asocio.

Estas unuafoje, ke Ĉina Esperanto-Ligo okazigis tiun premiigon. Tio multe kuraĝigas ĉinajn esperantistojn aktivadi en Esperanto-movado.

LIU Xiaojun instruas la francan lingvon kaj Esperanton en la universitato. Ekde 1982 li funkciigas seninterrompe Esperanto-kurson en la universitato. Ĝis nun pli ol 2000 studentoj, instruistoj, laboristoj kaj kuracistoj lernis Esperanton kaj pro Esperanto multaj el ili promociiĝis aŭ trovis laborojn.

## *3.4 La 31a Korea Kongreso de Esperanto*

tempo: 1999-10-9~10

loko: Seulo

S-ro Kep ENDERBY, la prezidanto de UEA, kaj s-ino Enderby, ankaŭ partoprenis la kongreson, kune kun 140 kongresanoj, inkluzive de 13 alilandaj esperantistoj el 10 landoj. La kongreso estis subtenita de la Korea UNESKO-Komisiono, kaj Advokato PARK Han-Sang, prezidanto de la Korea Asocio por Homaj Rajtoj salutparolis dum la malferma ceremonio. Ĉe la kongresa universitato, s-ro SHIN Dong-Hyun prelegis pri "Lingvistika aspekto de Esperanto" kaj s-ro KIM Hiongun pri "Interreta kulturo, ĉu veras aŭ fantazias?" Ankaŭ estis prelegoj de s-ro Kep ENDERBY, f-ino Klarita VELIKOVA kaj s-ro CHUNG Sang-Ho, pri "Lingvaj Problemoj en Internaciaj Neregistaraj Organizaĵoj". Estis oratora konkurso kaj multaj kantoj. La aŭkcio, unuafoje en Koreio, estis en granda sukceso. Oni kolektis ĉ. 500 USD por la fonduso. Ĉiuj ĝuis la aŭkcion.

## *3.5 La 86a Japana Esperanto-Kongreso*

tempo: 1999-10-15~17

loko: urbeto Motizuki en la gubernio Nagano

Al la malgranda urbeto venis ĉ. 300 esperantistoj el diversaj partoj de la lando kaj ankaŭ de eksterlando. Estis 470 aliĝintoj (271 realaj kaj 199 moralaj). Ankaŭ el eksterlando venis 10 (el Koreio, Ĉinio, Vjetnamio, Usono kaj Aŭstralio). S-ro Kep ENDERBY prelegis sub la temo "Kial la mondo bezonas Esperanton?" Lia vizito en la urbo kaj ankaŭ en aliaj urboj post la kongreso estis multe informita en diversaj ĵurnaloj. Japanaj esperantistoj invitis ankaŭ vjetnaman junan esperantistinon, f-inon NGUYEN Phuong Mai, kies laboro estis rimarkinda en la Dua Azia Kongreso. Ŝia partopreno vigligis kaj instigis ankaŭ japanajn gejunulojn en la kongreso.

En la kongreso lokaj muzikamantoj kantis la korusan suiton, "La ĉevalo de Motizuki", parte en Esperanto. Ĉiuj partoprenantoj ricevis libron de "La ĉevalo de Motizuki", kun muziknotoj, kaj versioj en la japana kaj en Esperanto (je la traduko de s-ro KONISI Gaku).

# 4 aliaj raportoj

## 4.1 el Filipinoj (laŭ raporto de germana esperantisto)

Ŝajnas, ke la grupo en Cotabato-Urbo daŭre funkcias bone, malgraŭ iliaj ne malgravaj problemoj. Sed Cotabato estas en la provinco Maguindanao, la centro de ribelo islama kaj moroa kontraŭ filipina registaro. Minoritato tie deziras propran ŝtaton. Tial eĉ filipinanoj el la nordo ne kuraĝas vojaĝi tien; pli malfacile eĉ estas fremdaspektaj homoj. Pro tio mi timas, ke la grupo ĉirkaŭ Uban* kaj Meneong apenaŭ havos eblecon agi ekster Mindanaŭo, eĉ ne ekster Maguindanao. Estus bone, se ni povus sukcesi starigi grupon ankaŭ en Metro Manilo.

*Manfred Führer/ Dalongue, Santa Barbara, Pangasinan, Filipinoj, 2419*

**Teng S. Uban/ P.O.Box 570, Cotabato City, Filipinoj*

## 4.2 el Pakistano

*(red.: Pakistana esperantisto Amir Bashir BHATTI vizitis Iranon. Jen estas parto de lia skribaĵo el "MER informas")*

En 1978 la sankta ideo flugis el Irano per ĝiaj facilaj flugiloj kaj atingis Pakistanon en la formo de s-ro G. N. PARVAZ, la eminenta lernanto de mondfama Esperanto-instruisto s-ro M. H. N. Saheb-ZAMANI. Li instruis Esperanton en sia naskiĝurbo Multano kaj poste fondiĝis en Jehlum Pakistana Esperanto-Asocio per la helpo de esperantistoj de norda parto de la lando. *(red. Ni antaŭe informiĝis ke Pakistana Esperanto-Asocio estis fonidita en Rawalpindi. Kiu estas ĝusta, ĉu Jehlum, aŭ Rawalpindi?)* Tie troviĝis antaŭe granda rondo de aktivaj samideanoj. Dum la unuaj jaroj de Esperanto-movado en Pakistano d-ro Saheb-Zamani, Ĉina Esperanto-Ligo, Japana Esperanto-Instituto kaj UEA multe helpis al pakistanaj esperantistoj per libroj, gazetoj, vortaroj, kasedoj ktp senpage.

Irano estas najbara lando de Pakistano kaj niaj historiaj, tradiciaj, religiaj, literaturaj, artaj kaj sociologiaj rilatoj estas tre fortaj kaj profundaj. Sub la helpema influo de iranaj esperantistoj fortiĝis respekto kaj amo al Irana Esperanto-movado, en Pakistano. Do, de longe mi sopiris viziti Iranon kaj renkonti geesperantistojn tie kaj propraokule observi tiean movadon.

Dum mia vizito al Irano lastjare (1998), mi observis, ke en Irano Esperanto-movado vere vivas, viglas kaj progresas. Iranaj geesperantistoj tre serioze traktas la internacian lingvon. Ilia lingvo-nivelo estas tre alta kaj vera esperantismo regas ĉie. Dum mia vizito mi partoprenis en kunsidoj de gesamideanoj ĉe d-ro Saheb-Zamani kaj observis ke iranaj esperantistoj tre profunde legas la Esperantajn gazetojn kaj librojn. Poste ili diskutas kaj kritikas tiujn aĵojn tre lerte en amika rondo. Ilia kritikemo ne nur elmontras la novajn aspektojn de Esperanto al ĉeestantoj sed ankaŭ la etoso de Esperanto vigliĝas. Oni senscie ekedukiĝas...

Eksterlandaj gesamideanoj malofte vizitas Iranon, tamen ili estas ĉiam bonkore akceptataj kaj gastame regalataj orientstile. Fakte regas la vera etoso de Esperanto ĉe gesamideanoj de Irano. Ilia scivolemo, pacamo kaj entuziasmo por disvastigi Esperanton estas sendubinda. Kiam ajn ili havas ŝancon, ili propagandas Esperanton aŭ per radio, televidilo, novaĵoj, gazetoj, broŝuroj aŭ ekspozicioj. Rezulte, la popoloj de Irano estas priinformitaj pri Esperanto. Mi certas, ke ĉiuj gesamideanoj revenos el Irano kun sennombraj neforgesindaj memoraĵoj.

# 5. *okazos*

## *5.1 La 3a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2000*

tempo: 2000-02-26~03-07

organizas: Nepala Esperanto-Asocio

kotizo: por unu persono

A: 750 USD B: 700 USD

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj menciitaj ĉi-sekve sub B

B: Bulgario, Ĉinio, Slovakio, Hungario, eks-Jugoslaviaj landoj, Rumanio, Pollando, eks-Sovetuniaj landoj, ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latina Ameriko.

**programo:**

02-26/ bonvenigo kaj enhoteliĝo

02-27/ vizito al vidindaĵoj de Pasupati, Bauddha kaj Bhaktapur

02-28/ vizito al vidindaĵoj de Katmando kaj Patano

02-29/ duontaga perflosa rajdo kaj poste veturo al Pokhara

03-01/ flugo al Ĝomsom kaj piedvojaĝo ĝis Kagbeni

03-02/ piedvojaĝo de Kagbeni al Muktinath

03-03/ reveno de Muktinath tra Eklebhatti ĝis Ĝomsom

03-04/ flugo de Ĝomsom ĝis Pokhara kaj vizito al Pokhara

03-05/ vizito al Pokhara kaj reveturo al Katmando

03-06/ libera tago, internacia vespero, kongreso

03-07/ foriro

**kontaktadreso**: Nepala Esperanto-Asocio/ P. O. Box 10518, Kathmandu, Nepalo

s-ro L. P. Agnihotri/ tel.: +977-1-410725. ret-poŝto: sosierra@wlink.com.np

s-ro Narendra Bhattarai/tel.: +977-1-210407(o), +977-1-431431(h).

fakso:+977-1-272722.

**atenton:** Se vi konfirme sendos aliĝilon anticipe, vi povos pagi la kotizon surloke. Sur la aliĝilo bv. skribi: s-ro, s-ino, f-ino. familia nomo. persona nomo. adreso. lando. telefono (kun kodo), fakso (kun kodo), profesio/fako. aĝo. ŝatokupo. vegetarano (jes, aŭ

ne). fumanto (jes, aŭ ne). kunloĝanto en hoteloj.

## 5.2 La 56a Internacia Junulara Kongreso

tempo: 2000-08-05~12

loko: Honkongo, Vukajsa Junulara Vilaĝo

temo: "La transiro al Tutmondiĝo – Tutglobismo en la 21a jarcento"

aliĝo: sendu la aliĝilon al TEJO (Nieuwe Binnenweg 176 NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando), aŭ al LKK de IJK 2000 (p/a Ĉina junulara E-Asocio, P. P. Kesto 77, Beijing CN-100037, Ĉinio), aŭ al vialanda junulara organizo. Ni kunmetas la aliĝilon. Junuloj en aziaj landoj ne perdu la ŝancon partopreni en ĉi tiu internacia kongreso!

# 6 Kontribuoj

Ni ricevis de jenaj xx personoj sume 169 720 japanajn enojn. Koran dankon!

Kontribuoj

| | |
|---|---|
| 10 000 | Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto, MIYOSI Etuo, SYOZI Keiko, TAKEUTI Yosikazu |
| 6 000 | SUZUKI Takao |
| 5 000 | MURATA Kazuyo |
| 4 000 | ABE Hiroyuki, AOYAMA Atuko, HAYAKAWA Yosinori, NAGURA Sadako, NAKATU Masanori, TAHIRA Masako, TAKEHANA To, Wilhelm SCHMID |
| 3 000 | KATÔ Keiko, TOYODA Motoki |
| 2 720 | UNOKI Takanori |
| 2 000 | EBATA Mititika, Esperanto-Densyusyo Sue, Esperanto-Ligo de Sikoku, HAYASI Kaneyuki, HIROSE Kanae, HIROTAKA Masaaki, HUĜIMOTO Tacuo, HUZISIMA Tosiko, ITABAŜI Micuko, ITÔ Tosiki, IZUMI Yorimiti, IWAI Masahisa, KOBAJAŜI Kajoko, KONISI Tiyo, KUMAKI Hideo, KUROYANAGI Yositaka, MATUMOTO Sunao, MIYAMOTO Seiko, ÔGUSI Sizuo, OKUDA Hiroko, OKUTU Sintaro, ÔTUKA Yasusi, ÔSAKI Yaeko, ÔTUKA Yasusi, SAIKI Akira, SASAKI Rituko, SAWAYA YÛITI, SUGANO Takeo, SUGIHARA Tadasi, TAI Hisayuki, TAKEZAKI Mutuko, TANIGUTI Teruo, TODOROKI Hisako, UEDA Tomohiko, UENO Katuhiro, YAMAZOE Saburo, YOSIDA Masanori, YOSIKAWA Syôiti, YOSIMURA Tetuzi, |

# ●redaktantoj parolas

Tiu ĉi estas la lasta numero, kiun ni sendas al nepagantaj esperantistoj en landoj de la kategorio A laŭ UEA. Se vi volas daŭre ricevi ĉi tiun bultenon, sendu kontribuon (unu kvoto estas 2000 japanaj enoj, kiuj preskaŭ same valoras 20 eurojn), al vialanda asocio (se vi estas aziano), aŭ rekte al UEA, menciante al "Azia Fondaĵo", kaj ne forgesu informi tion al Japana Esperanto-Instituto. (2000-02-10, doi ĉ kaj h)